# FENIKSO / INFORMILO POR AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ

N-ro 21 20.5.1972 kvara jaro, n-ro 3

## NI FUNEBRAS

Pro subita cerbsangado, en aĝo de preskaŭ 75 jaroj, mortis la 20-an de aprilo nia bona amiko, kunfondinto de AREK kaj redaktoro de "Fenikso" s-ro

Reinhold JENSEN

el Aarhus, Danlando.

S-ro Jensen, kiu profesie estis fervojisto, aktive interesiĝadis pri kolektado.

Dum longa tempo, li prizorgis monatan gazeton pri naciaj glumarkoj, reklamaj kaj kristnaskaj.

En 1966, je sia propra kosto, li eldonis katalogon de porokazaj esperanto-glumarkoj, kiu, ankaŭ danke al postaj ĝisdatigoj, estas ankoraŭ nun la plej kompleta verko en tiu fako.

Kiel membro de IKEK, dum multaj jaroj li kunhelpis en la redaktado de "Glumark-kolektanto", kaj sindoneme funkciis kiel sekretario de tiu organizo. Ankaŭ en ILEK li aktive partoprenis.

Kiam, post la kunvenoj en Prago kaj Karl-Marx-Stadt, la 1-an de oktobro 1968 oni decidis fondi amikan rondon

de esperantaĵ-kolektantoj, s-ro Jensen jam dekomence redaktis la koncernan gazeton, nome "Fenikso"-n; en tiu tasko li montris apartan lertecon, tiel, ke li gajnis multajn laŭdojn pro sia laboro.

En 1971, li taŭge prizorgis la kompostadon de la teksta parto de la "Stampkatalogo" de Rudolf Burmeister.

Ni, amikoj en AREK, varme kondolencas la edzinon kaj familianojn de la forpasinto; li ripozu en paco!

Ivar PAULSSON, Solna (SVE)

## NOVA REDAKTORO

Pro la subita malsano, kaj posta morto, de s-ro Jensen, nia gazeto riskis ne plu aperi, almenaŭ dum kelka tempo. Tial, mi decidis min proponi kiel provizoran redaktoron de "Fenikso". Mi volas, kaj nepre devas, emfazi tiun vorton "provizoran", ĉar bedaŭrinde mi jam havas multajn aliajn okupojn, kiuj ne permesas, ke mi daŭre prizorgu la aperigon de "Fenikso" je la bezonata nivelo, des pli, ke mi estas sufiĉe nova kolektanto de esperantaj filatelaĵoj, kaj ekzemple scias preskaŭ nenion pri glumarkoj.

Venonta(j)n numero(j)n de "Fenikso" mi povos redakti nur kondiĉe, ke ĝustatempe alvenu taŭgaj kontribuaĵoj; la estonto de la gazeto, do, karaj amikoj, estas esence en viaj manoj!

Mia adreso estas: d-ro Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA, Italio.

Mi atendas vian urĝan helpon, kaj varme esperas, ke nova (kaj pli sperta) redaktoro bonvolos kandidatiĝi!

Mi samtempe petas pardonon pro la verŝajne ne lerta prezentado de ĉi tiu numero, sed ankaŭ teknike mi estas je miaj unuaj spertoj!

Antonio DE SALVO, Roma (ITA)

## PRI SPESDEKOJ SUR ESPERANTO-KARTO

Mi povas hodiaù klarigi la signifon de la antaùpresita teksto ĉirkaù la poŝtmarko de la karto, kies reproduktaĵo aperis en pasinta numero de "Fenikso".

Finfine la koncerna teksto havas nenian filatelan signifon. Temas nur pri varbsistemo por la ĵus fondita "internacia monsistemo". La teksto nur signifas:

"Afranku je 4 spesdekoj"

(4 spesdekoj egalis al 10 svisaj, belgaj aù francaj centimoj, la deviga afrank-kosto de la karto).

Tion konfirmis al mi:

-Sinjoro HOLZHAUS, aùtoro de la artikolo pri "historio de la spesmilo";

-artikolo, verŝajne de H.HODLER mem en "ESPERANTO", kies redaktoro li estis, numero 13 de la 12-a de aùgusto 1907, sub titolo "Helpa mono". La aùtoro skribas, interalie: "Plie, ni povis konstati, ke jam multaj personoj uzas tiun sistemon en siaj korespondaĵoj kun "alimonuloj"".

Mi ankaù havis okazon vidi samaspektajn kartojn.

Do, resume, oni povas diri, ke rektan rilaton kun filatelo la koncernaj kartoj ne havas. Ili nur estas simplaj esperantaĵoj.

Jean AMOUROUX, Perpignan (FRA)

Pri la sama temo ankaù skribis s-ro L.J.WULFERS, Nijmegen (NED), kiu ankaù sendis fotokopion de spesdekoj.

La redaktoro

## NOVA MEMBRO

Kun granda ĝojo ni bonvenigas nian 50-an membron: s-ro Vladimir BREJNIK, Libochovice 679 (Ĉeĥoslovakujo) Kolektas: E-pm, E-sta.

## ESPERANTAĴOJ JES, sed ne oficialaj

S-ro J.F.MAZANEK el Ĉeĥoslovakujo demandas, ĉu estas oficiale eldonitaj la unuatagaj kovertoj de Vatikano (kaj, mi povas aldoni, ankaŭ de aliaj Landoj, ekzemple Italujo kaj S.Marino), kiuj surhavas la indikon en esperanto "Unuataga koverto".

Tiun saman demandon faris al mi ankaŭ aliaj personoj, do mi taksas necese klarigi la aferon.

Mi diru, do, ke temas sendube pri plenvaloraj filatelaĵoj, kiuj samtempe estas esperantaĵoj, sed kiuj ne povas esti nomataj "esperanto-filatelaĵoj".

Fakte, ili estas presitaj tute private, kaj poste utiligitaj por pretigi unuatagajn kovertojn ĉe novapero de poŝtmarkoj. Vatikano, cetere, tute ne eldonas proprajn, oficialajn unuatagajn kovertojn, nek posedas tiun filatelan servon; ĉiu interesito devas per si mem prizorgi presadon de la kovertoj, algluado de la poŝtmarkoj kaj prezentadon ĉe la poŝtaj giĉetoj. Pro tio, finfine, ĉiuj vatikanaj unuatagaj kovertoj estas neoficiale aranĝitaj.

Unu el la multegaj privataj entreprenoj, kiuj konkurence prizorgas unuatagajn kovertojn, nome entrepreno "Galleria San Pietro", via dei Corridori 6, I-00193 Roma (Italujo), kie deĵoras esperantisto, ekpensis aldoni esperanton al la pluraj lingvoj jam uzataj en la klarigaj frazoj de la kovertoj: tiu simpatia decido, komprenenble, igas "esperantaĵoj" tiujn filatelaĵojn, kiuj, tamen, ne pro tio fariĝas ankaŭ "esperanto-filatelaĵoj".

Antonio DE SALVO, Roma (ITA)

P.S. Por eventualaj interesitoj, mi povas ankaŭ peradi la menciitajn UTK-ojn, je pura kosto.
Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA

## EFIKA MATERIALO POR MONTROFENESTROJ

Nia membro Rudolf BERMEISTER, W-Wolff-Str. 1, DDR-9033 KARL-MARX-STADT (Demokrata Respubliko Germanujo), pretigis jenan materialon:

| | |
|---|---|
| Poŝtkartoj kun fotoj de ĉiuj E-pm | 33 pecoj, 13,50 markoj |
| 1 foto en formato 13 x 18 | 1 marko |
| 1 foto en formato 18 x 24 | 3 markoj |

Poŝtkartoj kun ĉiuj poŝtaj E-stampoj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| -serio Germanio (GDR/GFR): | 6 | poŝtkartoj, | 2,40 mk |
| -serio Japanio: | 3 | " | 1,20 " |
| -serio Aùstrio: | 3 | " | 1,20 " |
| -serio Italio: | 3 | " | 1,20 " |
| -serio Bulgario: | 1 | " | 0,50 " |

Pluaj serioj estas en preparo.

S-ro Rudolf BURMEISTER estas ankaù la aùtoro de la Plena Ilustrita Poŝtstampa Katalogo, ĝisdatigita je la fino de 1970; la katalogo, kiu enhavas 410 bildojn, kostas 40 markojn. La nura tekstparto de la sama katalogo kostas 10 markoj (+).

(+) Noto de la redaktoro: la supra anonco estas elprenita el la E-revuo "Der Esperantist". Se mi ne eraras, tamen, la bilda kaj la teksta parto de la stampo-katalogo estas havebla, por niaj membroj, ankaù je pli favoraj kondiĉoj (aparte la tekst-parto). La interesitoj bonvolu kontakti pri tio rekte s-ron BURMEISTER!

ooo€0000ooo

## PRI LA ĈEĤA E-KONGRESO

Okaze de la 2-a kunveno de ĉeĥa esperanto-asocio, antaŭvidita en la urbo Ostrava, oni eldonis 2 esperantajn poŝtkartojn kaj E-glumarkon.

La glumarko estas blanka, verda kaj nigra, laŭ vertikala formato 25 x 35 mm. Supre, en la maldekstra angulo, estas kvinpinta verda stelo sur blanka fono; apude kaj sube, teksto en ĉeĥa lingvo, per blankaj literoj sur verda fono (2. SJEZD CESKEHO ESPERANTSKEHO SVAZU), kaj aro da blankaj dagoj; sube, per blankaj literoj sur nigra fono, la indikoj "OSTRAVA 6-9 kvetna 1972". Interne de la komenclitero de la urbonomo, du kruciĝantaj marteliloj.

Bedaŭrinde, pro lastmomentaj malfacilaĵoj, la kongreso ne plu okazos.

La glumarkojn kaj poŝtkartojn oni povas mendi ĉe la Esperanto Klubo Ostrava-Vitkovice, Kultur dům VZKG, Ĉeĥoslovakujo; 1 karto plus 12 glumarkoj kostas 2 internaciajn respondkuponojn.

La redaktoro, laŭ informoj de s-ro J.F.MAZANEK

## ĈU POŜTA LA E-APUDSTAMPO EN LUGANO?

Ne partoprenante en la 24-a Fervojista E-kongreso, mi ne povis persone solvi dubon, kiun mi ekhavis ricevante salutkartojn el la kongreso kun normala datstampo, kaj apude, per ŝajne alia inko, E-stampo. La dubo pri la poŝteco de la apudstampo pliintensiĝis, kiam mi konstatis, ke la datstampo kaj la apudstampo estas almetitaj unu sendepende de la alia (tiel, ke la apudstampo troviĝas, efektive, en pluraj pozicioj, en la diversaj korespondaĵoj, kiujn mi ricevis). Ĉu iu povas helpi min en la solvo de la problemo, kaj priskribi la

uzkondiĉojn de la menciita E-stampo?

Pli ĝenerale, ĉe la apero de novaj esperanto-stampoj, mi tre dankeme ricevus ne nur ekzempleron de la novaĵo, sed ankaŭ detalajn priskribojn de la aranĝo, dum kiu la stampo estis uzita, kun indiko de loko, datoj, kaj traduko de la eventuala nacilingva teksto. Tiuj klarigoj estas nepre nacesaj, por ke mi povu pretigi kompletan kaj nefuŝan liston de la novaperintaĵoj. Mi antaŭdankas!

La redaktoro

## ĈU NUR MAŜINSTAMPO POR LA 56-A UNIV.KONG.?

Tre probable, dum la 56-a Universala Kongreso en Portland (Usono) ne funkcios la pli frue anoncita poroka za E-stampo. Kompense, dum kelkaj monatoj la Poŝto en Portland uzos maŝinan stampon kun la anglalingva teksto "Portland salutes Esperanto-Congress".

Werner SIMON, Memphis (U.S.A.)

Noto de la redaktoro: mi sincere esperas (kaj ankaŭ la aliaj kolektantoj de E-stampoj kune kun mi), ke tamen oni trovos manieron funkciigi dum la U.K. la anoncitan E-stampon. Estus tre domaĝe, se post komenca atendo eĉ de prestiĝa poŝtmarko memore al la 56-a Universala Kongreso, oni fine devus kontentiĝi pri varbstampo!

## ANONCO

Mi havas daŭran intereson je aĉeto de E-stampoj, aparte tiuj antaŭ 1961; bonvolu fari ofertojn!

Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA, Italujo.

Eventuale mi ankaŭ priekzamenas proponojn pri interŝanĝo.

oooooooooOooooooooo

# DU SENSACIAJ TROVAĴOJ

Du sensaciaj trovaĵoj meritas esti notitaj. Mi nun estas la feliĉa posedanto de du valoregaj esperanto-filatelaĵoj, nome:

-a) la ege rara Pariza E-stampo de la 2-a de aŭgusto 1914. Tri stampoj (+) estis aplikitaj sur oficiala banderolo por la sendo de ĵurnaloj. La aĵo regule vojaĝis tra la poŝto malgraŭ la neordinaraj cirkonstancoj, ĉar ronda stampo estis aplikita, dorse, la 4-an de aŭgusto en Amiens. Kiel ĉiu scias, la 10-a kongreso ne okazis pro la militdeklaro. Krome, la 2-an de aŭgusto estis en Francujo la ĝenerala mobilizado, kaj la homoj havis pli urĝajn okupojn ol aranĝi filatelaĵojn. La poŝtkontoro, tamen, funkciis dum 2 horoj, sed preskaŭ sen klientoj.

La koncerna stampo estas unu el la plej raraj el ĉiujfrancaj stampoj, kaj la plej rara el ĉiuj esperantaj;

-b) mi posedas 4-blokon de la rusa E-pm n-ro Yvert 381, kiu enhavas 4 erarojn:

-dentumo: -ĝi nur estas vertikala;
-la vertikala dentumo estas delokigita kaj estas en la centro mem de la pm;

-medaliono: -la foto de doktoro Zamenhof estas komplete elcentrigita;
-la foto estas renversa.

Ŝajnas apenaŭ kredeble, ke tiom da eraroj ekzistas sur 1 pm-folio. Ne estas eble doni monvaloron al ambaŭ filatelaĵoj.

Jean AMOUROUX, Perpignan (FRA)

(+) Fotokopion ni esperas publikigi venonte, post perfektigo de la presteknikaj konoj (La redaktoro).

## ESPERANTAJ AFRANK-STAMPOJ EN 1972

1) Afrankstampo de Eldonejo Ludwig Pickel en Nürnberg (FRG): teksto en esperanto kaj germana: "En Malfacilo Helpas PILO - Esperanto Lehr - u. Wörterbücher Zeitschriften, Literatur LVP Ludwig Pickel 85 Nürnberg Postfach 2113"; datstampo: "85 NÜRNBERG1 DEUTSCHE BUNDESPOST"

2) Afrankstampo de la sama eldonejo: En Malfacilo Helpas PILO - ESPERANTO aktuell Germana Esperanto Revuo LVP Ludwig Pickel 85 Nürnberg Postfach 2113"; datstampo:85NÜRNBERG 1 DEUTSCHE BUNDES POST"

3) Afrankstampo de la sama Eldonejo: teksto nur en esperanto: "En Malfacilo Helpas PILO Esperanto-Solidareco Rekonstruo de la Reĝa Kastelo Varsovio LVP Ludwig Pickel 85 Nürnberg 2 Postfach 2113"; datstampo "85 NÜRNBERG 2 DEUTSCHE BUNDES-POST";

4) Afrankstampo de "Biblia Revuo"; teksto en esperanto kaj itala: "BIBLIA REVUO 48100 RAVENNA - PIAZZA DUOMO 4 POSTE ITALIANE"; datstampo: "RAVENNA".

Estas supozeble, ke ankaŭ dum la kuranta jaro daŭrigis sian funkciadon la afrankmaŝinoj de Lohne' kaj Dollbergen, sed mi ankoraŭ ne vidis ekzempleron el ili (kaj mi estos tre dankema se iu bonvolos sciigi min pri la afero).

Pasintjare, ankaŭ eldonejo Torben KEHLET en Danlando uzis afrankstampon kun kvinpinta stelo; en la kazo, ke oni povu ĝin konsideri "esperanto-stampo", ĉu ĝi ankoraŭ estas uzata? LA REDAKTORO

## KVAR FILATELAĴOJ LIGITAJ KUN ESPERANTO

Dum pasinta jaro aperis kvar filatelaĵoj, kiujn oni povas konsideri ligitaj kun esperanto:

1) franca poŝtmarko en valoro de 0,50+0,10 NF honore al la aviado-pioniro Henri FARMAN (1874-1958), ĉiatempe esperantisto;

2) speciala, ilustrita stampo uzita en LE BOURGET (apud Parizo) la 29-an de majo 1971, por nuligi unuatage la cititan pm; la bildo prezentas portreton de la pioniro;

3) speciala, ilustrita stampo uzita en SALZANO apud Venecio (Italujo), la 22-an de aŭgusto 1971, por memorigi la 20-an datrevenon de la beatigo de la Papo Pio X, Protektanto de la Katolikaj Esperantistoj, kaj tre favora al Esperanto;

4) fine, speciala, ilustrita stampo uzita en TRIESTE (Italujo) la 1-an de novembro 1971, okaze de la 1-a filatela junulara konkurso je nomo de la mortinta filatelisto kaj esperantisto Mario TOMMASINI.

Antonio DE SALVO, Roma (ITA)

## ANONCO

Mi deziras jenajn esperanto-glumarkojn:
1912: 7-a Germana E-kongreso;
1920: 12-a Universala E-kongreso;
1968: Hispana kongreso;
1969: Germana E-kongreso;
1970: Germana E-kongreso.

L.J.WULFERS, Lindanusstraat 16, NIJMEGEN, Nederlando.

## ESP^E^RANTO-STAMPOJ DUM 1972

1) SOPOT (Pollando): 2.2.1972, ronda, grandformata stampo kun teksto en pola kaj esperanto: "SOPOT 1 UCZSIE ESPERANTA - LERNU ESPERANTON"; meze de la stampo, desegnaĵo kiu verŝajne prezentas flugantan birdon (mi estos dankema, se iu bonvolos klarigi la "misteron"!), kaj kvinpinta stelo kun interne litero E;

2) SOPOT (Pollando): 20.2.1972; stampo en pola kaj esperanto okaze de la Semajno de Internacia Amikeco: "SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO + SOPOT 1 - 20-II-72 + TYDZIEN MIEDZYNARODOWEJ PRZYJAZNI"; meze de la ovala stampo, la emblemo de la semajno (kvinpinta stelo kun litero E, manoj reciproke sinpremantaj, folibranĉoj);

3) POZNAŃ (Pollando): 8.3.1972: rektangula stampo en pola kaj esperanto: "Miedzynarodowy dzień Kobiet Internacia Tago de Virinoj + Pałac Kultury . Poznań 9 8.III.1972". Meze de la enskribaĵo, multaj floroj;

4) Maŝina varbstampo (°=) prepare al la Franca Esperanto Kongreso; mi posedas ekzempleron kun la dato de 3.3.1972, kaj alian kun la dato de 29.3.1972, do la stampo funkciis, verŝajne, dum tiu periodo (mi estos dankema, se iu bonvolos pli precize klarigi la aferon). La teksto estas nur en franca lingvo: ESPERANTO 64e CONGRES NATIONAL NANTES - PAQUES 72"; la ronda datstampo diras: "44 NANTES PREFECTURE LOIRE ATL.";

5) SOPOT (Pollando); grandformata, ronda stampo okaze de la 12-a Tutpollanda Konferenco de Esperanto-Instruistoj, kaj de la samtempa Malfermo de Espe-

ranto-Muzeo; teksto en pola kaj esperanto: "XII-TA OGÓLNOPOLSKA KONFERENCJA NAUCZYCIELI J. ESPERANTO + SOPOT 4 - 4.IV.72 + Malfermo de Esperanto Muzeo"; en la mezo de la stampo, radianta suno kun interne kvinpinta stelo kaj litero E, super maraj ondoj;

6) SOPOT (Pollando): ronda, grandformata stampo okaze de la 2-a titpollanda renkontiĝo de la membroj de Pola Filatela Klubo, kiuj interesiĝas pri kolektado de esperanto-filatelaĵoj, kaj samtempa Filatela Ekspozicio; teksto en pola kaj esperanto: "II OGÓLNOPOLSKIE SPOTKANIE CZŁONKÓW KLUBU PZF + SOPOT 1 - 4.4.1972 ESPERANTO - FILATELA EKSPOZICIO"; meze de la stampo, dentaro de poŝtmarko kaj malhela kvinpinta steleto;

7) LUGANO (Svislando); apudtampo okaze de la 24-a IFEF-KONGRESO; teksto en esperanto: "24-a ESPERANTO-KONGRESO IFEF LUGANO Svislando 6.-12. majo 1972"; enestas ankaŭ la emblemo de Ifef (kvinpinta stelo kaj flugil-hava lokomotiv-rado); pri la poŝteco de ĉi tiu stampo, mi atendas konfirmon (bonvolu rigardi la artikolon ĉe paĝo 6/7).

Mi atendas kunlaboron flanke de la membroj de AREK, kaj akoraŭfoje pardonpetas pri la iom fuŝa prezentado de ĉi tiu numero (kiu, interalie, devis esti preparita en du tagoj).

Ĉion por la redaktado de la gazeto bonvolu sendi al: Antonio DE SALVO, via Olbia 15, I-00182 ROMA, Italujo.

